# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 20/12/2013 Cent kvardekkvara Eldono 22/12/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**


**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**


**SENDATA AL 260** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl✚alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu, fotoj bonvenaj.

# Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

Elsendo de la 23a Novembro 2013 Lerni la nombrojn

Dependas de la gepatra lingvo kiam infanetoj ekperceptas nombrojn. Dujaruloj el Slovenio



aŭ Saŭdiarabio lernas numeralojn pli rapide ol infanetoj en Germanio kaj Aŭstrio. Kaj etaj ĉinoj jam kapablas nombri ĝis 50 kiam germanlingvaj infanoj penas pri la nombro 13. Kial?

Lingvo kaj nombroj estas forte interligitaj en nia cerbo. Se ni ekzemple volas memorteni 8-ciferan telefonnumeron, rapidparolantoj havas avantaĝon. Nia mallongtempa memoro nome laboras akustike - kaj la memorkapacito ampleksas nur kelkajn sekundojn. Kiu parolas pli rapide, tiu povas enmemorigi pli da ciferoj - kaj memortenas longajn telefonnumerojn pli longtempe.

Kiom eĉ la gepatra lingvo influas la komprenon de nombroj ĉe etaj infanoj, tion montras studaĵo kiun plenumis esploristoj el Britio, Slovenio kaj Saŭdiarabio. Ili esploris kiel bone infanoj en la aĝo de du ĝis kvar jaroj komprenas la diferencojn inter malgrandaj numeraloj.

Ĉe tio montriĝis ke la senso por nombroj ĉe infanoj el Saŭdiarabio kaj Slovenio disvolviĝas pli frue ol ĉe samaĝuloj kiuj parolas la anglan kiel gepatran lingvon. La kaŭzo por tio por la esploristoj nun estas tute klara: En la araba samkiel en la slovena lingvo ekzistas la dualo kiu indikas la kvanton de du. ktp ktp ktp Ctrl✚alklaku la bluajn lokojn)




# Propaganda sekcio




Jen bona filmeto pri Esperanto
https://www.youtube.com/watch?v=dhfo6563zAU




Amike, Nicole

Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj, novaĵo kaj via Esperantista familio ĝojos.




En la dato, kiam Esperantistoj en la tuta mondo festas la naskiĝon de la pola kuracisto kaj lingvisto Ludoviko Lazaro Zamenhof, ankaŭ Legio de Bona Volo (LBV) plej sincere omaĝas lin per bildo sur la panelo La Evoluo de la Homaro, allogaĵo en la Nobla Salono de Templo de Bona Volo.

Tie, flanke de arta figuro de Jesuo, la Ekumena Kristo, la Dia Ŝtatestro, staras bildoj de diversaj personoj, kiuj eniris la Historion pro sia elstara agado favore al la homaro, kaj tio estas elmontro de rekono kaj danko. Zamenhof lasis heredaĵon el sindediĉo kaj espero pri kunfratiĝo per internacia lingvo.
**"Esperanto estas tre alta idealo, kaj ĝia ligo kun LBV alportas eksterordinarajn bonfarojn al la Homaro."**

**Paiva Netto** de Brazilo

**Konu la agadon de LBV kun Esperanto**

# DVDo de filmkonkurso



Karaj Gesamideanoj
mi produktis DVDon kun la 36 plej bonaj filmoj de la filmkonkurso (vidu http://www.youtube.com/user/Filmkonkurso).
La Rainer Kurz Fondaĵo volas donaci 500 DVD-ojn al la federacio. La DVD-ojn estos je via dispono (vi povas uzi ĝin por iu ajn varba celo).
Mi nun sendos skatolon de 10 kilogramoj al la adreso de la Esperantodomo en Sidnejo.
Multaj salutoj el Stuttgart kaj ĝis baldaŭ.
Rainer

# la proponita reveno al asocio



Koncerne la proponitan revenon al asocio. Kio ajn okazos, devas esti iu vojo por haltigi la AEA estraron uzi milojn da membra mono por ne-produktivaj idiotaj ideoj. Mi ne havas multon por diri, sed estas simple tro multe da AEA membra mono por ideoj kiuj ne portas Esperanton al la pli vasta aŭstralia komunumo. Pagi por ke ne-aŭstralianoj flugu al Aŭstralio por ĉeesti la AEA kongreson ne disvastigos Esperanton en Aŭstralio. Ankoraŭ pli da AEA membra mono iras al ideoj de "aeraj feinoj". Gordon Coleman "Tottenham Boy in Exile"
Adelajdo



Saluton
Laŭ la propono de la estraro de AEA plaĉas al mi komenti pri la venonta rezolucio por ŝanĝi AEA al Asocio.
Rigardante la provprogramon por AEA Kongreso/Somerkursaro en Kanbero 3-12 de januaro, 2014, notendas ke en la komenca tago la membraro de AEA voĉdonos pri la ŝanĝo de registrado al asocio anstataŭ nuna kompanio. La membraro jam ricevis la rezolucion, voĉodonilon kaj proponon reteni la nunan staton de AEA sed miaopinie ne sufiĉe da informo pri la evidenta bezono ŝanĝi. Ĉar necesas profunde konsideri onies elekton, mi

proponas legadon de la antaŭe disdonita ruĝa libreto verkita de Heather kaj Ivan Heldzingen, Miranda Lutz kaj Stephen Pitney, Oktobro 2006, " AEA Report from the Commission on the Incorporation , Structural and Constitutional Issues of the AEA"kaj bone memori ke post elekti fariĝi kompanio la estraro elspezis grandan monsumon por investi en nova nacia maniero prezenti AEA kiel kompanion por la nova jarcento. Ni diskutu!
Jennifer Bishop



Dankon Jennifer,
Ĉu vi povas informi nin (1) kiom, proksimume, estis la „granda monsumo" en dolaroj, (2) kiun avantaĝon tiu elspezo donis al la funkcio de AEA, kaj (3) kiom da membroj AEA gajnis/perdis tuj post la ŝanĝo? Amike Roger Springer




Kara samideano Roger Springer
Al vi kaj al via familio kaj geamikoj, ni sendas feliĉan mesaĝon pri paco
kaj kompreno de la agrabla etoso de la Kristnasko.
Ke Jesuo, la princo de la paco donu al vi grandan sanon kaj ĝojon en la koro;
kaj nun kaj ĉiam.
*Paulo César* [www.bonavolo.com](http://www.bonavolo.com)
Brazilo

Brazilo ne forgesas nian novaĵleteron je Zamenhofa tago. Ĉu via klubo hontas?

# La nova DVD de Dominique Gautier



La nova DVD de Dominique Gautier bone alvenis hodiaŭ. Mi ĵus finrigardis ĝin. Ĝi daŭras 64 minutojn kaj mi ŝategas ĝin. Estas multaj intervjuoj kun esperantistoj, estas multo pri Esperanto-muziko, estas partoj filmitaj dum la Universala Kongreso en Kubo, ktp. Komentario estas en la angla, intervjuoj estas en Esperanto aŭ en la franca lingvo, sed kun anglaj subtitoloj. Subtitoloj haveblas ankaŭ en multaj aliaj lingvoj.




Ĝi parolas nur mallonge pri la historio de Esperanto, sed ege multe pri renkontiĝoj, pri kongresoj, iom pri la lingvo. Ĝi certe multe pli bone montras tion kion ni povas nun fari per Esperanto ol la filmo de Sam Green. Tre vidinda.



Amike, Nicole



# Esperanto-Domo Sidnejo Venis 25 homoj

## Zamenhof Tago

## 2013









La fotoj prezentas la belecon kiu bonvenigis la vizitantojn al Esperanto Domo por la Zamenhoffesto. Roger kaj Mei preparis la ĉambron, trovis taŭgan tablon kaj seĝojn, aĉetis manĝaĵojn, kaj ni ĉiuj ĝuis la prezentaĵojn. Kaj, poste, kiam ĉiuj malaperis, kiuj ordigis la ĉambron? Nur Roger kaj Mei!



Margaret




## Heineken reklamas per Esperanto!

La bier-entrepreno Heineken, Hispanio, en sia Twitter-kanalo reklamas en Esperanto (aŭ, pli bone: montras Esperantlingvan reklamon) honore al la Esperanto-tago, la 15-a de decembro.
Vidu: https://twitter.com/Heineken_ES/status/412543397551816705/photo/1

Traduko de la hispanlingva mesaĝo: Jen malgranda enigmo... hieraŭ oni festis la Tagon de Esperanto!

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001 Venu al Kanbero 3 ĝis 12 Januaro 2014 Come to Canberra

## 13. Lingvaĵo iom pli pri La Predikato. Ĉ.



Krom ke la Predikato povas konsisti el nur Verboj, kio ŝajnas tre logika kaj facile komprenebla kaj aplikebla, ĝi ankaŭ povas konsisti el kerna Verbo kun alikategoriaj vortoj, ekz. Adjektivo (la plej ofte), Substantivo, Numeralo, Pronomo, kaj kun Prepozitivo, kaj Adverbo, kaj eĉ tuta Propozicio, por esprimi la ago(j)n. Tio ŝajnas tre stranga, kaj eĉ timiga, por la lernanto. Kaj timiga ĝi estas, tiom ke ni bezonos kelkajn sesiojn por klarigi la fenomenon. Notu, ke tiu fenomeno okazas en eŭropaj etnaj lingvoj , kaj Zamenhof kopiis ĝin en Esperanton. Sed ne kritiku lin pro tio, ĉar la eblaj alternativoj estus same malfacile kompreneblaj. La fakto ke en via etna lingvo vi ne rimarkas tiun problemon estas pro tio, ke viaj cerboj igas vin uzi la ĝustajn formojn nekonscie, tiel ke via menso ne bezonas lerni ĝin. Kaj se vi estas eŭropa Esp.isto, vi ne bezonas kompreni la fenomenon, ĉar vi simple imitas vian propran elnaskiĝan lingvon. Sed se vi volas, vi trovos la klarigon en kelkaj postaj sesioj.

Notu ke en tiaj Predikatoj la neverba parto nomiĝas la Predikativo, kaj ekzistas du specoj da ĝi. Ilin ni aparte klarigos en la sekvontaj artikoloj.

Marcel Leereveld.



Roger, mi daŭre legas kun intereso vian revuon "Aŭstraliaj Esperantistoj". En ĝi mi vidas la prilingvajn artikolojn de mia bona amiko Marcel Leereveld. Pro tio mi kuraĝas proponi al vi la ĉi-kunan artikoleton pri landonomoj de Anna Lowenstein. Anna, Marcel, mi kaj pluraj aliaj estas parto de grupo 'la bonalingvo', kiu okupiĝas pri lingvaj aferoj. Se vi trovos la eblecon aperigi ĝin, bone. Se ne, ne gravas.
Amike Renato Corsetti



# La nomoj de landoj



## La nova modo: -ujo

*Anna Löwenstein, Italujo*

## http://www.ipernity.com/doc/bergino/5145769 La landonomoj - pli simplaj ol vi supozas!

Kial mi insiste pludiras Germanujo kaj Italujo, kiam ĉiuj aliaj preferas Germanio kaj Italio? Nu, pro pluraj kialoj. Parte ĉar -io ŝajnas al mi stranga finaĵo, ne kongrua kun la simpleco kaj reguleco de Esperanto. Pli pri tio poste. Sed plejparte ĉar mi ne eltenas la konfuzon, kiun la finaĵo -io alportis al la landonoma sistemo en Esperanto.

Kia konfuzo? Hmm, kiel klarigi la landonoman sistemon en unu alineo? Mi jam dediĉis al tiu temo tutan libreton. Sed mi faros mian eblon klarigi rapide.

La landonomoj en Esperanto estas dividitaj en du grupoj. Unu grupo sekvas la modelon Usono, usonano, la alia sekvas la modelon Britujo, brito. Multaj esperantistoj, kompreneble, preferas uzi -io anstataŭ -ujo, kaj do diras Britio. La problemo estas, ke ankaŭ en la unua grupo (Usono, usonano), multaj landonomoj finiĝas per -io, ekzemple Alĝerio, Aŭstralio, Namibio, Kolombio. Do, kiam oni renkontas landonomon, kiu finiĝas per -io, kiel scii, ĉu ĝi sekvas la modelon Usono, usonano, ĉu la modelon Britio, brito? Tio gravas, kiam necesas formi la nomon de la landano, ĉar en la unua kazo necesas aldoni -ano al la radiko, dum en la dua necesas forigi la -i-.

Kiam la plejmulto da esperantistoj uzis la finaĵon -ujo por landonomoj de la dua grupo, ne estis problemo. Ĉiuj esperantistoj (eĉ tiuj, kiuj preferis -io) sciis, al kiu el la du grupoj landonomo apartenas, kaj do senprobleme sciis formi la nomon de la landano. Sed nun, bedaŭrinde, kiam preskaŭ ĉiuj uzas -io, la distingo inter tiuj du grupoj perdiĝis, tiel ke multaj esperantistoj ne plu komprenas kiel la sistemo funkcias; efektive iuj ne plu komprenas, ke entute ekzistas du-parta sistemo. Rezulte, oni tre ofte renkontas erarajn formojn, ekzemple aŭstralo aŭ Israelio. (Se vi ne komprenas, kial tiuj estas eraraj, bonvolu legi la pli detalan klarigon en mia libreto Konciza klarigo pri la landonomoj en Esperanto.)

Sed krome, la finaĵo -io kunportas plurajn aliajn problemojn. Ĉu la -i- estas sufikso? Ĝi ne similas la aliajn sufiksojn en Esperanto, kiuj normale havas la formon V+K (vokalo plus konsonanto) aŭ V+KK. Krome, ĝi kondutas iom malsame: malkiel la aliaj sufiksoj oni ne povas uzi ĝin memstare.

La vortelementoj en Esperanto normale estas kunmetitaj laŭ travidebla maniero. Ni ĉiam emfazas tiun fakton en nia reklamado: kiam ni volas konvinki la homojn lerni Esperanton, ni donas ekzemplojn kiel mal-jun-ul-in-o aŭ nask-iĝ-tag-o. Tiuj kunmetaĵoj estas facile analizeblaj kaj ĉiu elemento havas sencon. Sed kion diri pri la -i- en Francio? Certe ne ekzemplo, kiun ni povus uzi en nia reklamado!

Mi foje aŭdas la kritikon, ke la sufikso -uj- havas tro da signifoj en Esperanto. Nu, ĝi ja havas tri malsamajn signifojn – kaj tamen, multe malpli ol -io, kiu kondutas vere ĥameleone en Esperanto. -io foje estas uzata: por la nomo de scienco, ekzemple astronomio aŭ biologio, kontraste kun la nomo de la sciencisto astronomo aŭ biologo; por la nomo de ĥemia elemento, ekzemple ejnŝtejnio, mendelevio surbaze de la personaj nomoj Ejnŝtejno, Mendelevo; por la nomo de regosistemo, ekzemple demokratio aŭ monarĥio, kontraste kun la vortoj demokrato kaj monarĥo; por diversaj aliaj ismoj kaj ecoj, ekzemple stenografio, pederastio kontraste kun la

vortoj stenografo kaj pederasto; kiel unu el la korelativoj; (sen la fina -o) kiel infinitiva finaĵo de la verbo.

Mi scias, ke multaj esperantistoj ne ŝatas -ujo pro ĝia baza signifo kiel entenujo. Kaj do? Ĉu persona ŝato aŭ malŝato rilate al iu elemento en Esperanto donas la rajton modifi la lingvon – precipe kiam tiu modifo detruas la logikon de unu el ĝiaj sistemoj? Cetere, mi mem uzas -ujo multe pli ofte en landonomoj ol en vortoj kiaj laktujo, sukerujo ktp., do mi por mi tio estas ĝia ĉefa signifo.

Aliaj esperantistoj kontraŭstaras la finaĵon -ujo pro etnismaj kialoj. Ili argumentas, ekzemple, ke ilia lando ne nomiĝu Hispanujo, ĉar tie loĝas ne nur hispanoj, sed ankaŭ katalunoj, eŭskoj kaj aliaj. Laŭ ili, tiu problemo malaperas, se la lando nomiĝas Hispanio. Ĉu vere? Al mi tio ŝajnas nura ĵonglado per vortoj, pli precize per sufiksoj: provo solvi politikan problemon per manipulado de la lingvo. Farante tion, oni neniel ŝanĝas la situacion de la katalunoj kaj eŭskoj, sed oni ja terure fuŝas la regulecon de Esperanto.

Per la uzo de -i- oni forglitas de la facila analizebleco, kiu estas ĉefa trajto de Esperanto, al nedisigeblo simila al tiu, kiu regas en la nature evoluintaj lingvoj. Certe, iuj neregulaĵoj jam ekzistas en Esperanto: pensu pri la serioj redakti, redaktoro, redakcio, kaj poeto, poemo, poezio. Tiuj tri-vortaj serioj evidente havas komunan fonton, sed la elementoj ne povas esti disigitaj; efektive la lasta konsonanto de la radiko eĉ estas modifita. Tiuj ekzemploj, bonŝance, rilatas nur al unuopaj vortoj, kaj do ne havas sekvojn por la baza funkciado de Esperanto. La situacio estas multe pli serioza, kiam tia neanalizebleco trafas tutan sistemon, t.e. la sistemon formi la landonomojn.

Mi rimarkas kun plezuro, ke -ujo komencas iometete reaperi. Interalie, unu el la estraranoj de UEA lastatempe ekuzis ĝin, konvinkite de la argumentoj en la libro Rusoj loĝas en Rusujo. Multaj esperantistoj efektive komprenas, ke -ujo estas pli logika ol -io, sed ili hezitas mem uzi ĝin, ĉar ili trovas ĝin “eksmoda”. Nu, modoj povas ŝanĝiĝi, ĉu ne?

Se vi opinias, ke -ujo estas pli bona ol -io, kuraĝu ekuzi ĝin! Estu en la fronto de la nova modo!

Por pli da informoj pri la finaĵo -ujo, vidu:

Rusoj loĝas en Rusujo: landonomoj en Esperanto. Corsetti, Gubbins, Wennergren, de Kock, Vaha, Butler, Camacho k.a. Federazione Esperantista Italiana, Milano, 2007. Prezo: €10.50 ĉe la libroservo de UEA. La libro estas ankaŭ legebla kaj elŝutebla ĉe: http://www.bonalingvo.it/index.php/Rusoj_loĝas_en_Rusujo,_Landnomoj_en_Esperanto.

Konciza klarigo pri la landonomoj en Esperanto: kun kompleta listo de landoj kaj landanoj. Anna Löwenstein. Palestrina, 2009. Prezo: €0,90 ĉe la libroservo de UEA. La libro estas ankaŭ legebla kaj elŝutebla ĉe: http://www.bonalingvo.org/docs/klarigoprilandonomoj.pdf.

La landonomoj – pli simplaj ol vi supozas! 37-minuta parolado de Anna Löwenstein spektebla ĉe: http://www.ipernity.com/doc/29075/5145769 kaj ĉe: http://www.vimeo.com/5030540.